


*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**5a jaro Decembro 1935 N-ro 54**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

## MEMORINDAJ TAGOJ

1. 1902.—*Fondo de la «Svisa Esperantista Societo».*—1906. *Fondo de la «Sveda Esperantista Societo».*

8. 1841.—*Mortas la dana esploristo Behring.*

15. 1859.—*Nia majstro, D-ro. L. L. Zamenhof, naskiĝas en Bjelostok (Polujo).*

18. 1879.—*Festoj en Parizo por monhelpi la domaĝitojn pro la granda superakvego de Murcio (Hispanujo).*

# RESUMEN DEL ACTA LXVI DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 11 de noviembre de 1935, se acordó por unanimidad lo siguiente:

1.° Aprobar el acta de la sesión anterior.

2.° Aprobar la propuesta del Comité organizador del XI Congreso Nacional de Esperanto en Barcelona para que éste se celebre del 31 de mayo al 7 de junio.

3.° Fijar en 12 pesetas por ejemplar el precio de venta para los hea'anos de las *Plena Gramatikoj* recibidas.

4.° Dar las gracias a D. Ramón Salas por el donativo de dos ejemplares de su obra *Sango kaj sablo*, y aceptar la adquisición de varios ejemplares en las condiciones que propone el Sr. Salas, y que se venderán a los heaanos al precio de 7,50 el ejemplar, más el coste del envío.

5.° Encargar la construcción de una vitrina para guardar en ella las medallas de los Congresos nacionales e internacionales.

6.° Se aprobó el despacho de trámite de varios asuntos de Secretaría.

7.° Por quedar todavía varios asuntos pendientes de resolución, se acordó volver a reunirse el día 17, a las diez y media de la mañana.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

# RESUMEN DEL ACTA LXVII DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la reunión celebrada el 17 de noviembre de 1935, se acordó por unanimidad:

Recordar a U. E. A. que se había prometido en Estocolmo al representante de España que el Congreso de 1937 se celebraría en Madrid (ya que no es le concedía el de 1935, anteriormente prometido); que, a pesar de ello, hay indicios de que se va a proponer que se celebre en Varsovia. Caso de que así sea, y de que el de 1938 no se celebre en Madrid, no obstante haber cumplido siempre H. E. A. todos sus compromisos con la Universala Esperanto-Asocio, H. E. A. se considerará sistemáticamente postergada y tomará los acuerdos que estime convenientes, recabando su libertad de acción.

El secretario, *Fernando Redondo.*

## LA GUERRA

(*Sobre una idea de T. Aubanel*)

De las cimas de los montes
a las cuencas de los valles,
en barrancos y laderas
se amontonan los cadáveres.
Ya no tienen sed los cuervos,
ni los lobos tienen hambre:
para el cuervo y para el lobo
*guardáis los hijos, ¡oh, madres!*

El cañón asorda el viento,
y en sombrías espirales
de la tierra en fuego y llamas
el humo asciende a los aires.
En todas partes la ruina,
el horror en todas partes:
para el horror y la ruina
*tenéis los hijos, ¡oh, madres!*

En derruída casa, un perro
lanza aullidos funerales:
está vacía la cuna;
y ya, rígido cadáver,
con la soga echada al cuello,
de una viga cuelga el padre:
para víctimas del crimen
*tenéis los hijos, ¡oh, madres!*

Al umbral, en cruz los brazos,
hacia la tierra el semblante,
con una herida en el pecho
estuprada virgen yace.
En los quince florecía
y era el lirio más fragante:
para el sátiro sangriento
*tenéis los hijos, ¡oh, madres!*

Mas cantan gloria las torres,
y al son de marchas triunfales
el *vencedor* aparece
hollando ruinas y sangre.
La bullente muchedumbre
estulta, ríe y aplaude:

## LA MILITO

(*Pri ideô de T. Aubanel*)

De la pintoj de la montoj
en la fundon de la valoj,
intermonten kaj dekliven,
amasiĝas la kadavroj.
Jam la korvoj ne soifas;
al la lupoj, ne malsato:
*ve, patrinoj, viaj filoj*
*estas por rabbestoj manĝo!*

La kanon' surdigas venton
tute ombraj la spiraloj
de la fumo nun ascendas
el la tera fajr' kaj flamoj.
Estas ĉie ja ruinoj
kaj terur' sur tersupraĵoj:
*panjoj, viaj filoj estas,*
*de l' terur' ruino, rabo!*

Ĉe jam ekfalanta domo,
hund' ululas. Ho, bedaŭro!
sen infano, la lulilo;
kaj rigida la kadavro
pendas de la patr', per ŝnuro
ĉe la kol', de plafontrabo.
*Ve, patrinoj, viaj filoj*
*estas de la krimo kapto!*

Brakoj, kruce; brustvundite
kaj al tero la vizaĝo,
kuŝas ĉe la sojl' knabino
ĵus stuprita de barbaro.
Flor' ŝi estis dekkvinjara
kun plej granda bel' kaj ĉarmo:
*panjoj, viaj filoj estas*
*por la satirusmurdantoj!*

Ĉiuj turoj kantas gloron;
je l' triumfa takt' de l' marŝoj,
la *venkinto* ekaperas;
dum, sur ter', jen ruboj, sango.
Stulte ridas kaj aplaŭdas
granda la popolamaso:

para coro de verdugos
*tenéis los hijos, ¡oh, madres!*

Pobres madres, no a los cielos
alcéis manos suplicantes:
allí nadie os compadece
porque allí no existe nadie.
Mientras gima esclavo el mundo,
sed esposas, sed amantes;
mas para el lobo y el cuervo
NO TENGAIS HIJOS, ¡OH,
[MADRES!

*viaj filoj estas ĥoro*
*por murdantoj, karaj panjoj!*

Malfeliĉaj panjoj, al ĉielo
ne petante levu manojn;
ĉar neniu estas tie,
kiu sentu la kompaton.
Dum la mondo vivu sklave,
inoj, havu edzon, amon;
*sed por lupoj kaj por korvoj*
*ne plu nasku filojn, panjoj!*

El la jurnalo «El Tribuno», de Las Palmas.

Esperantigis: J. MANGADA ROSENÖRN

# FRAGMENTO

Ĉe restoracio. Vespermanĝas la hispana verkisto Eduardo Zamacois kaj bredisto de Ekstremaduro. Aristokrato, ĵus reveninte de Italujo, alproksimiĝas kaj salutas sian amikon, la verkiston, kaj esprimas al li sian grandan entuziasmon por la itala diktatoro, ĉar ĉi tiu, de ĉiuj vidpunktoj, faris Italujon grandega; la aristokrato ankaŭ laŭdas la decidon de la diktatoro konkeri Abisinion. Tiam la bredisto demandis: —Por kio?

La aristokrato respondas, dirante, ke Italujo bezonas koloniojn por sia supermezuranta loĝantaro kaj «*ĉiam la voĉo de la kanonoj estis la lingvo de la superaj popoloj.*»

La bredisto diras al la aristokrato: —Mi opinias, ke la diktatoro detruos sian propran kreitaĵon.

—Vi eraras, sinjoro: la diktatoro ne estas ambiciema, freneza, kiel opinias multaj personoj; li estas poeto, li estas klarvida, ĉiam preta sin oferi por la gloro de sia patrujo...—rediras la aristokrato.

La bredisto ridetas; liaj lipoj kaj liaj okuloj pleniĝas el ironio, kaj diras: —Ĉu vi permesas al mi rakonti al vi historion? Ĝi estas mallonga; tuj ĝi finiĝos... Mi loĝas en vilaĝo, ĉar mi estas terkulturisto, kaj mi havas grandan intereson al la tero kaj bestoj. Iam, mi aĉetis porkon el la raso York, ĉar ĉi porkoj estas la plej bonaj. Ĝia kapo estis malgranda; ĝia lumbo, larĝa; la ostaro, delikata. Mi estis tre kontenta pro mia akiro kaj la porko ravis min. Por ĝin kreskigi plej bone; por ke ĝia karno estu kiel eble plej mola, kiam ĝi estis unumonata mi ordonis ĝin kastri, laŭ la kutimo de la anglaj bredistoj.

Poste, ĝustatempe, mi nutris ĝin per delikata brano, per la plej bona brano; poste, al ĉi brano, mi aldonis konvenan porcion el hordea faruno; fine mi anstataŭis la branon per alia multe pli delikata fojno, alian fojon, per maizo... Ankaŭ mi zorgis atente bani ĝin, ĉar pureco bonege utilas al la porkoj; du fojojn ĉiusemajne, mi irigis ĝin al kampo sub la kverkoj por ke ĝi manĝu glanojn. Kaj estis mi sola, kiu faris ĉion ĉi diritan, pro kio la porko estis al mi kiel dorlotanta hundo: ĝi sekvis min konstante, ĝi konis mian voĉon. Kiam mi ordonis buĉi ĝin, ĝi estis 165 kilograma...

Longa silento sekvas, kaj la aristokrato demandas:

—Nu; kaj kio pli?

—Nenio pli...—respondas la bredisto.

—Kaj kia estas la rilato de via rakonto al la milito inter Italujo kaj Abisinio?—diras la aristokrato.

—Jen la rilato: la itala diktatoro faris la samon al Italujo, kion mi faris al la porko: zorgi kaj nutri ĝin por, kiam li estis malsata je senmorteco, manĝi ĝin. La karno de popolo, pro siaj substanco kaj malkareco, estas la plej ŝatata de la diktatoroj.

(Ĉi fragmento estas el artikolo de Eduardo Zamacois, titolita «La Bankedo de la Diktatoro», hispane verkita, aperinta en «La Libertad» de la 9.ª de novembro ĵus pasinta.)

## XI CONGRESO NACIONAL DE ESPERANTO

Por no retrasar más la salida del presente número, dejamos para el próximo la publicación de interesantes noticias relativas al Congreso de Barcelona.

Recordamos a los *aliĝontoj* que la cuota de congresista es de cinco pesetas, que pueden enviarla a Madrid (apartado de Correos número 1.089, Asociación Esperantista Española), o a Barcelona (Don José Anglada Prior, Sitjas, 3).

Quienes deseen presentar alguna moción o discutir algún punto deben comunicarlo antes de fin de enero al Comité organizador (Don José Anglada, Sitjas, 3, Barcelona), o a la Presidencia de H. E. A. (apartado de Correos 1.089, Madrid), a fin de incluirlo en el orden del día.

Invitito diras al invitinto post la dezertoj:

—Dankon, amiko; mi nenian manĝis tiel bonguste kaj sufiĉege.

—Ni ankaŭ ne, sinjoro—interrompas unu el la infanoj.

# Kanzono de la fama poeto hispana Lope de Vega
**(XVI^a^ jarcento)**

Ibase la niña,
noche de San Juan,
a coger los aires
al fresco del mar.
Miraba los remos
que remando van.
cubiertos de flores,
flores de azahar.
Salió un caballero
por el arenal,
dijérale amores
cortés y galán.
Respondió la esquiva,
quísola abrazar,
con temor que tiene
huyendo se va.
Salióle al camino
otro por burlar,
las hermosas manos
le quiere tomar.
Entre estos desvíos
perdido se han
sus ricos zarcillos;
vanlos a buscar.
«¡ Dejadme llorar
orillas del mar!»
«¡ Por aquí, por allí los vi,
por aquí deben de estar!»
Lloraba la niña,
no los puede hallar,
danle para ellos,
quiérenla engañar.
«¡ Dejadme llorar
orillas del mar!»
«¡ Por aquí, por allí los vi,
por aquí deben de estar!»
«Tomad, niña, el oro
y no lloréis más,

Iradas ŝi nokton
de l' Sankta Johan'
por spiri plenpulme
kaj freŝe ĉe l' mar';
rigardas remilojn
remantaj, do, jam,
kovritajn de floroj
de l' arb' de l' oranĝ'.
Sed jen: kavaliro,
paŝante sur sabl',
ĝentile sin turnas
al ŝi pri fajram'.
Ŝi krude rifuzas;
li celas per brak'...
Kaptite de timo
forkuras ŝi jam.
Denove ŝin celas
alia satan';
li volas ŝin trafi
ĉe ŝia la man'.
Ŝi perdas juvelon
je tiu l' okaz';
kaj ili ĝin serĉas,
sed vane, sen ŝanc'.
«Al mi, do, kompat'!
Mi ploru ĉe l' mar'!»
«Tien ĉi, tien, serĉu ni
ringojn el or' kaj koral'!»
Jen, pro malsukceso,
knabina plorad';
kaj celas montrompi
knabinon fiam'.
«Al mi, do, kompat'!
Mi ploru ĉe l' mar'!»
«Tien ĉi, tien, serĉu ni
ringojn el or' kaj koral'!»
«Akceptu la oron,
ne ploru plu jam;

que todas las niñas
nacen en tomar,
que las que no toman
después llorarán
el no haber tomado
en su verde edad.»

al ĉiuj knabinoj
preníntaj, ja ĉarm';
sed el ne prenínta
fluadas la larm',
pro tiu nepreno
je ŝia verdaĝ'!»

El hispana lingvo tradukis: JULIO MANGADA ROSENÖRN

## MAS SOBRE EL CONGRESO DE H. E. A. EN BARCELONA

El artículo 10 de nuestros Estatutos dice que *para celebrar un Congreso* «**la Directiva explorará la voluntad de los asociados en una u otra localidad para organizarlo, si un Congreso anterior no decidió el lugar** O NO FUE PEDIDA LA ORGANIZACION POR LOS ASOCIADOS DE ALGUNA LOCALIDAD». La Directiva, en este caso, no hizo **exploración alguna, ni un Congreso anterior decidió el lugar;** han sido asociados de Barcelona en número y calidad, con experiencia en estas cosas, **en uso de un legítimo derecho, que lo transcrito en mayúsculas expresa claramente,** los que han pedido organizar nuestro XI Congreso, y la Directiva no puede negar el uso de dicho derecho. Así, pues, el artículo 10 está perfectamente interpretado y cumplido.

## POR EVITI MISKOMPRENOJN

Nia Asocio (H. E. A.) estas unuiĝo el esperantistoj de ĉiuj teritorioj de la hispana Respubliko; tial, laŭ nia regularo, loka heaanaro el kiu ajn regiono rajtas kunvenigi en sian lokon la tutan heaanaron por pritrakti la aferojn de la Asocio kaj kunvivigi la heaanojn eĉ ne heaanojn, sed esperantistojn, dum kelkaj tagoj, profitante la okazon por liveri al ĉiuj laŭ eblo ĉiajn ĝuojn, ekskursojn, vizitojn, k. c. Tial, nia samideanoj de Barcelono organizas la Kongreson de H. E. A. en sia urbo por la venonta jaro (Majo-Junio), profitante datojn, kiam la allogoj de la vizitinda granda urbo estas plej grandaj, kiel la lumigado de la grandiozaj fontanoj de la Parko Montjuich, unika spektaklo en la mondo, kiun povos ĝui la heaanoj kiel eble plej malmultekoste

dank' al la aranĝo de la Kongreso; kiel la inaŭguro de la specimenfoiro.

H. E. A. ne iros al Barcelono celante la gvidadon de la esperanta movado en Katalunujo; ne iros konkuri kun Kataluna Esperanto Federacio, ĉar H. E. A. estas, antaŭ ĉio, lojala al si mem, kaj ĝia regularo konstatas la rajton ies ajn loke, regione, profesie, k. t. p., sin regi, sin gvidi, aŭtonome aŭ sendepende. Konsciante tiel tiun rajton, neniam plendis H. E. A., kiam K. E. F. okazigis Kongresojn en Baleara Insularo koj en Vinaroz; kaj je ĉi tiuj okazoj, H. E. A. ne vidis tiujn kongresojn konkuro, sed esperantan celon favoran al nia komuna afero: lojalaj esperantistoj neniam konkuras; ĉiam agas al bono de nia afero, kaj sukceso ies estas samtempe sukceso ĉies.

Por okazigi niajn grandajn kunvenojn, estas devo de H. E. A. profiti la avantaĝojn, kiujn de ĉiuj vidpunktoj prezentas aŭ proponas iu loko, des pli konvena, ju pli da avantaĝoj; kaj jen kiel kaj kial Barcelono estas bonega loko al nia celo. Kaj H. E. A. ne iros al ĝi ankaŭ por impresi la urbon per esperanta manifestacio impona, kiu, eĉ kvankam la heaanoj kunvenintaj estus pli ol mil, la milo estus en Barcelono same, kiel sukerero en sukerujo. Bone atentu la celon de H. E. A.: *nek konkuri, nek impresi, nek alproprigi al si gvidadon ies; nur kunvenigi kiel eble plej multenombrajn heaanojn kaj esperantistojn dank' al avantaĝoj kaj allogoj de Barcelono.* Du fojojn, kun bona sukceso, ni okazigis en Madrido kongresojn de H. E. A., kaj tiuj du kongresoj neniel malhelpis la esperanto-movadon en la ĉefurbo de la Respubliko.

---

## LANDNOMOJ (Zamenhofa sistemo)

Alĝerio. — Anglujo. — Argentino. — Aŭstralio. — Aŭstrujo. — Bavarujo. — Belgujo. — Bolivio. — Brazilo. — Britujo. — Bulgarujo. — Ĉeĥoslovakujo. — Ĉilo. — Danujo. — Egiptujo. — Estonujo. — Fin(n)ujo aŭ Fin(n)lando. — Francujo. — Germanujo. — Grekujo. — Hindujo. — Hispanujo. — Hungarujo. — Ĥinujo. — Irlando. — Islando. — Italujo. — Japanujo. — Jugoslavujo. — Kanado. — Kaplando. — Katalunujo. — Kolombio. — Latvujo. — Litovujo. — Maroko. — Meksikio. — Nederlando. — Norvegujo. — Nov-Zelando. — Paragvajo. — Persujo. — Peruo. — Polujo. — Portugalujo. — Prusujo. — Rumanujo. — Rusujo. — Saksujo. — Skotujo aŭ Skotlando. — Svedujo. — Svisujo. — Tunizio. — Turkujo. — Urugvajo. — Usono. — Venezuelo.

(El «*Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio.* 1935»).

## INFANA LOGIKO

—Paĉjo: kiom da homoj pereis dum la Granda Milito?

—Mi nescias; eble dek milionoj, eble dek kvar.

—Bone; supozu ni ke ili estu nur dek milionoj. El kiom da soldatoj konsistas unu divizio?

—Tio estas laŭ la landoj. Ĉe iaj armeoj ĝi konsistas el dudek mil, ĉe aliaj el dudek kvar mil.

—Bone; ĝi estu dudek kvin mil. Sekve, dek milionoj da homoj sumas tiom da personoj, kiom kvarcent divizioj, ĉu ne?

—Certe, mia filo.

—Nu, ĉu pereis kvarcent generaloj diviziestroj?

—Tute ne, multege malpli.

—Ĉu la ŝtatestroj (krom la reĝo de Belgujo) estis en danĝero?

—Ankaŭ ne.

—Do, mi ja scias, kio estas milito. Ĝi estas ludo, kie civitanoj uniforme vestitaj sin buĉas reciproke sub la ordono de homoj sidantaj en sendanĝera loko. Kaj poste la postvivantoj ĉu mortas pro senlaboreco ĉu klopodas por pagi la elspezojn de la buĉado.

## EL ESPERANTISTA GAZETARO

**Antaŭ kelkaj tagoj mortis heroino.**—Lorient (Francujo), la 19-an de aŭg.—Ĵus mortis sinjorino Matelot, kiu estis 70-jara. Antaŭ 25 jaroj ŝia nomo estis tre famkonata kaj tiutempe ĉiulandaj ĵurnaloj rakontis kun multe da emocio la heroan agon de tiu virino.

En la jaro 1910-a iun nokton lumtur-gardisto Alexandro Matelot falas de la ŝtuparo en la lumturo kaj svenas. Momenton poste sinjorino Matelot rimarkas, ke la lumo ankoraŭ ne brilas, kaj, ke la lanternego ne turniĝas. Ŝi volas scii, pro kio. Tuj poste ŝi trovas sur la ŝtuparo sian svenintan edzon. Ŝi portas lin sur lian liton.

Sed rapide eknoktiĝas, kaj ekstere ŝtormas. Kaj ankoraŭ neniu eklumigis la lampon. La virino subite pensas pri katastrofoj, kiuj povus okazi pro la ne-funkciado de la lanterno.

Ŝi supreniras, plenigas la lanternon kaj lumigas ĝin. Sed ĝi devas turniĝi. Por tio servas iu meĥanismo, kiun ŝi ne povas funkciigi, ĉar la ŝlosilo estas netrovebla. Nun ŝi vokas siajn infanojn, du knabojn ankoraŭ ne 10-jaraj, kaj montras al ili, kiel ili turnu la lanternon. Tio estas fakte tro malfacila laboro por du infanoj, sed devas okazi.

La vento furioze blovas, la ondegoj terure muĝas! Malgraŭ tio la infanoj turnas la aparaton.

Dume sinjorino Matelot, kiu malsupreniris, flegas sian edzon.

Ve! Ĉirkaŭ noktomezo la malfeliĉulo mortas. Al li la okulojn ŝi fermas, la manojn ŝi kunigas. Plenuminte tiun taskon, plendolora ŝi denove pene supreniras la krutan ŝtonŝtuparon.

Malespera pro ĉagreno, ŝi havas tamen sufiĉe da forto pro turni la lanternegon dum la tuta nokto! Ŝi ne volas, ke la morto de ŝia edzo okazigu la morton de aliaj homoj, kiuj tranoktas sur la maro.

Ŝi ricevis la premion de Carnegie.

Bravulino estis tiu humila virino... Brava ŝi estis nur pro humanismo!

(El la franca ĵurnalo «Populaire» esperantis *S-ro. Lentaigne*. Publikigita en «La Juna Vivo»).

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

GAZETOJ. — *Skribas laboristoj de Leningrad.* — 12-paĝa gazeto, 25×18-formata, kies aprila numero ni ricevis. Ĝi publikigas aron da leteroj de laboristoj, kiu laŭdas la sovetan reĝimon. Ĝi celas kontraŭstari la kontraŭsovetian propagandon kaj akceptas korespondadon kun la adreso: Leningrad, 2. Socialistiĉeskaja, 14. Buro MRS. Redakcio de P. E. K. Bulteno.

GVIDFOLIOJ. — El Vieno, la kongresurbo por 1936ª ni ricevis tri faldprospektojn: 1ª Viena Foiro, 1-8 septembro 1935; 2ª Vieno kaj Niederösterreich, 16ª-paĝa; 3ª Vieno, ankaŭ 16-paĝa. La du lastaj kun belaj fotografaĵoj kaj tre interesaj informoj. Ĉiuj estas mendeblaj po kelkaj ekzempleroj kontraŭ respondkupono al Internacia Esperanto Muzeo, Vieno I, Neue Burg.

*La ora ŝtuparo.*—Romano de E. Phillips Oppenheim, tradukita el la angla lingvo de la esperantista societo de Romford. 278 paĝojn, 12×18. Prezo, bindita, 3 ŝilingoj 6 pencoj; afranko 4 p. Havebla ĉe Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, Londono, W. C. 1. Tre korekta kaj klara traduko de la fama romano de Phillips, kiu ŝajnas historia epizodo de la nuna epoko, kun siaj scenoj pri spionado kaj intrigoj ĉe la ŝtataj registaroj.

*Plena Gramatiko de Esperanto.*—De K. Kalocsay kaj G. Waringhien. 372-paĝa, 15×22. Havebla ĉe «Literatura Mondo» (Mester, utca, 53-V-7, Budapest, IX). Jen nepra verko por profesoroj de Esperanto kaj por bibliotekoj de grupoj. Ĝi solvas ĉiun dubon pri fonetiko, vortfarado, frazfarado kaj uzo de ortografiaj signoj. Alfabeta tre detala indekso kompletigas tiun gravan verkon.

*Japanujo.*—Bela broŝuro 20-paĝa enhavanta dudekkvar fotografaĵojn pri vidaĵoj kaj scenoj, koloran kovrilon kaj landkarton, kaj inte-

*grati*. Tuŝegi ne forigante ion de ĝia loko, sed penante okupigi plimalgrandan spacon, aŭ alproksimigi ion al alio, *premi*. Grati premante sur la objekto gratata, *froti*. Froti por seki, por purigi ion, *viŝi*. Facile cedanta al premo, *mola*. Kunpremi kaj teni per du fingroj, *pinĉi*. Pli malpli enigi pinton en io, *piki*. Malagrabla sento ĉe la haŭto, kvazaŭ de multenombraj delikataj pikoj, *juko*. Sento kaŭzata de sunaj radioj aŭ brulanta korpo ĉe la haŭto, *varmo*. Havanta aŭ konservanta varmon, *varma*. Surfaco sur kiu facile glitas la fingro, *glata*.

SENTIMENTO.—(Vidu pli malsupre).

* * *

Sidejo de la konscio, nemateria parto de la homo, *animo*. Koncernanta la animon, *psika*. Scienco pri la psikaj fenomenoj, *psikologio*; sciencisto, *psikologo*. Povo de la animo, *fakulto*; ili estas tri: *sentimento, penso* kaj *volo*. Kio estas kaŝita en la animo, *fundo*. Stato de la animo, *humoro*. Kio okazas en nia spirito, *subjekta*; ekster nia spiirto, *objekta*.

SENTIMENTO.—**Amo.**—Sento simila al tiu, kiu patrino havas por sia filo, *amo*. Amata, *kara*. Amegi, *adori*. Objekto de adoro, *idolo*. Naiva amo, *idilio*. Ameto por ia persono, por ia celo, *simpatio, inklino*. Sufikso montranta inklinon, *em'*. Forta emo, *pasio*. Nenormala, ekstreme forta inklino al io, *manio*. Altiri al iu, *logi*. Pasie logi, *sorĉi*. Aminda delikata, *dolĉa*. Amo al homaro, zorgo pri ĝia bono, *filantropio*; filantropiisto, *filantropo*. Persono ligita kun alia per simpatio, akordo de opinioj kaj gustoj, *amiko*; amika, sincera, *kora*. Centro de la sentimentoj (en figura senco), *koro*. Kiel esprimo de amo, tuŝi per la lipoj, *kisi*; ĉirkaŭi per la brakoj, *ĉirkaŭpremi*. Kisi bruege, *ŝmaci*. Malsimpatio, *antipatio*. Malamegi ion aŭ iun pro ĝiaj fizikaj aŭ moralaj ecoj, *abomeni*.

Inklino por estaĵo de la sama speco, sed de alia sekso, *amo*. Sekse ami, *amori*. Peni plaĉi al amatul(in)o, *amindumi*. Peni amindumi per sia eksteraĵo kaj konduto, *koketi*. Agi kun indulgo, karese, *dorloti*. Palpi ame, *karesi*. Amindumi kvazaŭ flugetante de unu al alia, *flirti*. Seksĝentila, flirtema, *galanta*. Amindume interparoli, *kolombumi, kveri, rukuli* (la tri vortoj en figura senco). Senkora koketulino, *sireno*. Persono tre amata, *idolo, trezoro*. Plej alta plezuro, precipe seksa, *volupto*. Voluptema, *erotika*. Volupteco, ŝatado de korpaj ĝuoj, *epikurismo*. Homo amanta la komforton, *sibarito*. Kiu ne havis seksajn rilatojn, *virga*. Sekshontemo, *pudoro*. Libera de voluptaj deziroj, ne makulita de seksaj pekoj, *ĉasta*. Sin detenemo de amaj ĝuoj pro principo, *abstinenco*. Devigi virinon al malĉasta vivo per mono, *prostitui*.

Seksa deziro, *libido*. Emo al malĉastaj ideoj, *erotomanio*. Malsaneca nesubpremebla libido ĉe viro, *satiriazo*; ĉe virino, *nimfomanio*. Homo cinika kaj voluptema, *satiruso*. Inklina al nenormalaj voluptoj, *perversa*. Eksciti sekse la generajn organojn per la mano, *onani*. Seksinklino de viro al viro, *pederastio*. Estaĵo (fabela ĉe la homa speco), kiu estas duseksa, *hermafrodito*. Domo loĝata de amistinoj, *bordelo*. Altsocieta, alte kulturita amistino, *hetajro*.

Kiu nur amas sin mem, *egoisto*. Egoisteco, memamo, *egoismo*. Malegoismo, *altruismo*. Forlaso de komfortaĵoj por la bono de alia, *abnegacio*. Senigi de io multvalora por profito de alia, *oferi*.

**Respekto.**—Havi altan opinion pri ies kapablo, *ŝati*; pri ies morala valoro, *estimi*. Sento de alta ŝato aŭ estimo, *admiro*. Admirigi iun, *ravi*. Kio ravas pro sia beleco, *ĉarma*. Montri per la konduto la altan opinion pri iu, *respekti*. Respektego, *kulto*. Respektego al iu, kredo je lia perfekteco kaj je la netuŝebleco de liaj verkoj, *pietismo*. Io tre ŝatinda, *trezoro*. Afero, persono tre ŝatata kaj respektata, *fetiĉo*. Kaŭzi respekton, admiron, *imponi*. Imponeco pro ŝajno de beleco aŭ gloro, *prestiĝo*. Memrespekto, *digno*. Kio imponas pro sia rango aŭ manieroj, *majesta*. Tuŝi per la lipoj kiel esprimo de respekto, *kisi*.

Opinianta sian situacion malalta kaj montranta tion per siaj manieroj kaj konduto, *humila*. Havanta malaltan opinion pri sia scio aŭ meritoj, *modesta*. Tro humilulo, sen memestimo, *lakeo*. Malmodesta, malŝate kondutanta kun aliaj, *aroganta, fiera*. Atribui al si meritojn kiujn oni ne havas, *arogi al si*. Malhumila, *fiera*. Forta deziro de famo, de honoroj, *ambicio*. Sin glori per ecoj neposedataj, *fanfaroni*. Fiere kaj afekte fanfaroni, *paradi*. Amanta posedi senvalorajn objektojn, ecojn, *vanta*. Senpripensa, havanta inklinon al vantaj aferoj, *frivola*.

**Emocio.**—Tuŝi la sentimentojn, *kortuŝi, emocii*. Forta emocio, *pasio*. Liberigi, ne limigi pasiojn, *senbridigi* ilin. Esti tre pasia, *ardi*. Forta emocio pro neatendita okazo, *afekcio*. Sento kaŭzata de io nekutima, *miro*; de io neatendita, *surprizo*. Kio mirigas pro ĝia malofteco, *stranga*. Subita forta atako de pasio, *paroksismo*. Granda emocio kaj emo al io, *entuziasmo*, (en figura senco, *fajro, flamo*). Esti tre ekscitata, *bruli*. Levi entuziasmon ĝis alta grado, *ekzalti*. Eksciti pasion jam tre fortan, *verŝi oleon sur fajro*.

**Feliĉo kaj doloro.**—Ekscitita de agrablaj sentoj, *gaja*. Stato de la animo, *humoro*. Gaja humoro, *bonhumora*. Esprimi subitan gajecon per la vizaĝo kaj per rapidaj mallongaj sonoraj elspiroj, *ridi*. Ridindigi per malŝata ŝerco, *moki*. Ridi moke, *rikani*. Ridinda, amuza, *komika*. Ridinda pro sia nenatureco, *groteska*. Ridinda per la kari-

katureco, per la graveco de la personoj kaj la malalteco de la stilo, *burleska*. Mikeaĵo de aferoj komikaj kaj seriozaj, *tragikomedio*. (Vidu «XLII.—Parolarto»).

Kies stato akordiĝas kun la deziroj, ne havanta pluajn dezirojn, *kontenta*. Sento naskita de kontentigo de deziroj, *plezuro*. Havi plezuron de io, *ĝui*. Plena kontenteco, *feliĉo*. Senti vivan plezuron, *ĝoji*. Plezuro vidata, sentata, *agrabla*. Kaŭzi agrablan senton, *plaĉi*. Tre malfeliĉa vivo, *kalvario*. Malfeliĉigi, malagrabligi, *veneni* (f.). Forta nekontenteco, montrata per vortoj aŭ agoj, *kolero*. Granda nehaltigita kolero, *furiozo*. Koleremo, *kolerika*. Eksciti ies koleron per agoj malagrablaj al li, *inciti*. Esprimi indignon aŭ koleron per blasfemaj aŭ nedecaj vortoj, *sakri*. Kolerigi iun malplaĉante al li kaj kontraŭante lian komprenmaniero pri dececo kaj konveneco, *ŝoki*. Kolerigi iun malrespektante ties dignon, *ofendi*. Esti tre incitita, *boli*. Nekolerema, ne facile incitema, *kvieta*. Haltigi, kvietigi la koleron, *bridi ĝin*. Senti koleron pro nejusta nenobla ago, *indigni*. Ago kaŭzanta publikan indignon, *skandalo*. Malĝojo kaŭzata de perdo, *ĉagreno*. Ne ĉagrenita, kvieta, *serena*. Ne ekscitanta la sentojn, agrabla, *milda*.

Tre malagrabla korpa aŭ spirita sento, *doloro*. Senti fizikan aŭ moralan doloron, *suferi*. Kaŭzi suferon, *aflikti*. Homo suferanta turmentojn, *martiro*. Tiu, kiu suferas pro io, *viktimo*. Loko de granda sufero, *infero*. Esprimi sian suferon per vortoj, *plendi*; per sopiroj, *ĝemi*; per larmoj, *plori*; per ve'oj kaj krioj, *lamenti*. Senti ies malfeliĉon kvazaŭ sia propra, *kompati*. Kompati per vortoj, *kondolenci*. Trankviligi suferanton, doni al li novan esperon, *konsoli*. Okazintaĵo tre ekscitanta kompaton, *tragedia*. Amuzi post doloro, post ĉagreno, *distri*. Ĉagrene senti la perdon de io, *bedaŭri*. Senti bedaŭron, kaj deziregon reakiri ion perditan, *sopiri*. Esprimi sopiron per longa enspiro akompanata de plenda tono, *sopiri*. Suferi, toleri sen reago, *porti*. Virto, dank' al kiu oni portas suferojn, malfeliĉojn, *pacienco*. Trankvile suferanta ĉagrenojn, dolorojn, malsukceson, *stoika*. Kio kvietigas ĉagrenojn dolorojn, *balzamo*. Fariĝi malagrabla pro sia ofteco aŭ longedaŭro, *tedi*. Teda impreso de neokupiteco aŭ de manko de intereso, *enuo*. Nevole malfermi la buŝon pro enuo, *oscedi*.

**Aliaj sentimentoj.**—Senti malbonon pro ies feliĉo, *envii*. Envio sentata tial ke amata persono amas alian, *ĵaluzo*. Malagrabla sento kaŭzata de la konscio de ia malbona ago, *honto*; kaŭzata de imaga aŭ efektiva danĝero aŭ malfeliĉo, kaj emo ĝin eviti, *timo*. Timego, *teruro*. Maltimi danĝeron, *defii ĝin*. Esti en stato de sentimo pri io, *trankvili*. Ne perdante la trankvilon, ne timanta dum danĝero, *kuraĝa, brava*. Ĝojanta pri malfeliĉo de alia, *malica*. Havanta roma-

necan sentemon, *sentimentala*. Ne sentema, *apatia*. Ne sentiga, *indiferenta*.

PENSO.—**Intelekto.**—Scipovo koni nian sentadon, nin mem, *konscio*. Abstrakta koncepto pri objektoj aŭ ecoj, *ideo*. Formi, kunligi ideojn, *pensi*. Kapablo pensi, *intelekto, racio*. Kio rilatas intelektan fakulton, *mentala, mensa*. Ne havi grandan intelekton, *ne esti aglo* (proverbo). Inteligenteco, spiritĉeesto, *kapo*. Profunde pensi, koncentrigi pensojn sur io, *mediti*. Tute okupi la penson, la atenton, *absorbi*. Plej alta grado de admiro en kiu oni koncentrigas sur unu objekto la tutan atenton, forgesante ĉion alian, *ekstazo*. Facile komprenanta kaj vigle pensanta, *inteligenta*. Superega inteligentulo, *genio*. Persono tre kapabla inteligente, *talento*. Persono de escepta talento, *virtuozo*. Posedanta kapablon rapide uzi sian intelekton por atingi sian celon, *lerta*. Kiu posedon aŭ montras ian lertecon, *inĝenia*. Trovi ion novan (maŝinon, procedon, k. s.) per la intelekto, *elpensi, inventi*. Homo ne posedanta intelektecon pro cerbaj lezoj aŭ alia motivo, *idioto*. Idioteco, *idiotismo*. Spinmalsana idiota kriplulo, *kreteno*. (Vidu «XXI.—Kuracarto»).

**Saĝeco.** — Posedanta kapablon por juĝi aferojn tiel, kiel ili estas, *saĝa*. Kapablo distingi verecon, *prudento*. Kiu perdis la prudenton, la memkonscion, *freneza*. Senprudente paroli aŭ agi sub la influo de la febro, *deliri*. Malsaĝa persono (en figura senco), *ansero, azeno, bruto*. Tre malsaĝa, *idioto*. Posedanta penetranta spiriton, *sagaca*. Scianta uzi rimedojn ne rimarkite de aliaj por atingi celon, *ruza*. Ruzulo, *vulpo*. Ne ruza, *naiva, simpla*. Esti tre ruza, *scii kie la kankroj pasigas la vintron* (proverbo). Pripensante antaŭ la agoj, *serioza*.

**Imago.**—Spirite vidi ion, *imagi*. Imagi tion, kion oni deziras, *revi*. Artista imagkapablo, *fantazio*. Ne limigi fantazion, *senbridigi ĝin*. Konservi en la spirito la ideojn antaŭe akiritajn, *memori*. Arto helpi la memoron kaj ĝin perfektigi, *mnemoniko, mnemotekniko*. Perdi la memoron pri io, *forgesi*. Ne fari ion pro forgeso, *forgesi*.

**Espero.**—Kredi realiĝon de io, *atendi*. Atendi ion, kion oni deziras, *esperi*. Doni motivon por atendo, *promesi*. Kiu plenumas ion promesitan, *akurata*. Okazanta rapide, neatendite, *subita*. Subita eliĝo, *erupcio*. Virto por povi atendi ion tre longe, *pacienco*. Okazo neatendita, *surprizo*. Espero aŭ timo pri afero, kvankam ankoraŭ malproksima, *perspektivo*. Forlasi esperon neefektigeblan kaj akcepti la staton de la aferoj, *rezigni*. Rezigno, *rezignacio*. Malĝojo kaŭzita de nerealiĝinta espero, *ĉagreno*.

**Metapsikio.**—Parto de la psikologio pri fenomenoj de mensaj

resajn informojn por la vojaĝanto kaj la turisto.—Eldonita ĉe la Ministrejo de Japana Ŝtatfervojo.

*La Paco.*—Ni ricevis unuafoje la viziton de ĉi tiu monata ilustrita gazeto de Kyoto (Japanujo). Ĝi pritraktas religiajn (precipe budaistajn) studojn. Prezo unu ekzemplero po unu respondkupono. (Otani esp. grupo ĉe Otani Universitato. Kioto).

*Nuevo León.*—Ni dankas al «Editorial Lumen» la sendon de tiu-ĉi romano pri meksikaj kutimoj, hispane verkita. Unu el la multaj portretoj de la verko estas tiu de nia samideano Jesús Amaya. Sur la lasta paĝo de la libro ni legas anoncon de vortaro hispana-esperanta verkita laŭ simpligita ortografio hispana.

## ENLANDA KRONIKO

*Madrido.*—Plie la kursoj, kiujn ni raportis sur la novembra numero de H. E.-G., tri novaj kursoj komencis: unu gvidata de S-ro. Josefo Artigas, por la dudek infanoj de la Lerneja Grupo «Pablo Iglesias» en Puente de Vallecas, kaj du aliaj en la Esperantista Madrida Asocio (San Joaquín, 10) gvidataj de S-ro. Manuel Martín (lundoj, merkredoj kaj vendredoj) kaj de S-ro Pablo Aguado (ĉiumarde kaj ĉiujaŭde).

* * *

*Larache.*—La 9-an de novembro komencis la kurso gvidata de samideano P. Garrido, kiu intencas, kiam la kurso finos, ke siaj lernantoj siavice klarigu novajn kursojn.

* * *

*Valencia.*—En tiu-ĉi provinco nia movado kreskas pli kaj pli. En Utiel, S-ro. Carlos Marzá, komitatano de la grupo de la dirita urbo (strato Pi y Margall, teatro Nuevo) klarigas kurson al kvindek lernantoj. Ankaŭ en la naciaj lernejoj de Sueca oni gvidas kursojn de Esperanto por la plej studemaj geinfanoj; tion ni legas sur la semajna revuo de la dirita urbo *El Anunciador Comercial*, kiu publikigas gravan artikolon de propagando.

* * *

*Kontraŭ la milito.*—Kelkaj anoj de la mondkonata esperanta rondeto «Esperanto kaj Paco» nun starigis novan grupon, kiu estas nomata «Esperanto. Kultura Klubo» (valle Candalija, n.° 7, puerta n.° 11, Zaragoza). La geanoj de tiu nova asocio (proksimume 220), preskaŭ ĉiuj junaj, deziras interŝanĝi neoficialan korespondadon kun tutmondaj esperantaj grupoj pri nuntempaj problemoj. Ili liveras esperantajn kon-

traŭmilitajn glumarkojn, eldonitaj dekdubilde, kvarkolore kaj dekseslingve.

Aliaj anoj de la sama rondeto starigis en Barcelono rondeton «For la militon!» kaj liveras la samajn glumarkojn (adreso: L. M. Ungría, P. Claret, 130, entresuelo, 2.°, Barcelona).

Plenan sukceson al tiu agemaj pioniroj!

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Germanujo.*—Germana dekreto pri malpermeso de instruo de Esperanto en oficialaj lernejoj kaŭzas ke multaj germanaj gazetoj rifuzas publikigi artikolojn pri Esperanto. Por kontraŭstari tian malhelpaĵon, S-ro. Walter Poppeck, gvidanto de l' gazetservo de la Germana Esp. Asocio (Wüstegiersdorf, Schles, Bahnhofstrasse, 4, Germanujo), petas ke oni sendu al li taŭgan materialon por la gazetaro, prefere mallongajn artikolojn. Interŝanĝe li sendos bonan materialon por la gazetaro.

La sama samideano proponas en *Heroldo de Esperanto* (8ª de septembro de 1935ª) gajni la tutmondan gazetaron per bone organizata propagando gvidata de la naciaj asocioj. Eble iam ni pritraktos amplekse tiun-ĉi gravan kaj interesan problemon.

Dum la 1932ª fondiĝis la Universala Veterinara Asocio, kiu nun vigligas sian propagandon. Samideanoj, kiuj deziras informojn, povas skribi al ĝia nuna sekretario D-ro. Vilhelmo Bär (Altenstadt, Hessen, Germanujo), de kiu ni ricevis por la hispanaj profesiuloj kelkajn aliĝilojn.

* * *

*Aŭstrujo.*—La urbestraro de Vieno subvenciis la lokan kongresan komitaton per 7.500 da aŭstraj ŝilingoj. Krome, per cirkuleroj de la koncernaj ministrejoj, Esperanto estas enkondukata en komercaj lernejoj kaj utiligata ĉe trafikaj bezonoj (diversaj klarigiloj, gvidlibroj, k. t. p.).

* * *

*Nederlando.*—Regiona Tribunalo de Roterdam oficialigis S-ron M. de Waard kiel jurintan interpretiston por Esperanto. Sekve de nun ĉe nomita Tribunalo oni povas oficiale uzi Esperanton, kiel leĝe permesitan lingvon.

* * *

*Esperanto kaj radio.*—Jen kelkaj radiostacioj, kiuj dissendas esperante: Dimanĉe: Lille, kurso, je la 9'30 horo; Leningrado (ondolongo 1224 metroj) babilado, je la 21'20. Lunde: Sottens, supera

kurso, je la 17'30. Marde: Hilversum (o. 1875 m.), kurso, je la 18'20. Merkrede: Vieno, kurso kaj babilado, je la 17'36. Jaŭde: Parizo (P. T. T.), kurso, je la 17'40. Vendrede: Nice Juan les Pins, babilado, je la 19'40. Sabate: Ejfel-turo, je la 16'10; Romo (o. 9420'8 m.), Napoli kaj Milano, turista raporto, je la 18'22; Lyon, babilado, je la 20'10.

(Publikigita sur la grava hispana ĵurnalo *Heraldo de Madrid*, 9-XI-1935).

* * *

En Ĉeĥoslovakujo mi dissendos jenon (mezeŭropa tempo):

Decembro: La 3-an, 17'25—17'35 en Moravska Ostrava, parolado pri la muzikkomponisto Zdenek Fibich kaj lia verko. La 4-an, 22'15—23'00, en Brno, Praha I kaj M. Ostrava, sonora filmo «Momentoj de la vivo de D-ro Esperanto». La 10-an, 17'25—17'35. En M. Ostrava, parolado pri la interrilatoj de ĉeĥoj kaj poloj en la estinteco. La 17-an, 17'25—17'35, en M. Ostrava, parolado pri sileziaj kutimoj antaŭkristnaskaj, kristnaskaj kaj postkristnaskaj. La 18-an, 22'15—22'45, en Brno, Praha I kaj M. Ostrava, teatraĵo: *kristnaska esperanta horeto*. La 30-an, 17'25—17'35, en M. Ostrava, parolado pri la evoluiĝo de la radio-industrio en Ĉeĥoslovakujo.

Januaro, 1936a: La 8-an, 22'15—23'15, en Brno, Praha I, M. Ostrava, opereto en tri aktoj *Pola sango*.

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### LA AĜO

Tri junuloj parolis en rondo de kafejo pri problemoj de matematiko.

—Mia naskiĝjaro—diris unu el ili—estas numero, kies plej malgranda prima dividanto estas 17.

—Mi estas iom plijara—diris la dua junulo—. La plej malgranda prima dividanto de mia naskiĝjaro estas 19.

—Mi estas la malplej juna el ni—diris la tria—. Ĉar tiu de mia naskiĝjaro estas 23.

Sed la kelnero interrompis la babiladon dirante: Mi estas plej maljuna, ĉar tiu de mia naskiĝjaro estas 31. Kaj tiu de mia fileto (plej juna el ni ĉiuj, kompreneble) estas 41.

En kia jaro naskiĝis tiuj personoj?

* * *

## VORTĈENO

Jen kvin vortoj: A, B, C, D, E.

A (esperanta vorto) signifas ian ortografian signon, kies hispana traduko estas B. Sed B, esperante, signifas ian artan teksaĵon, kies hispana traduko estas C. Sed C, esperante, signifas ian koloron de la homa hararo, kies hispana traduko estas D. Sed D, esperante, signifas ian kreskaĵon, kies hispana traduko estas E. Kiuj estas tiuj vortoj?

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

## SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*La kongresanoj.*—Estu $x$ la nombro de kilometroj de la nekonata urbo al Barcelono. La unua grupo bezonas $\frac{x}{60} + \frac{x}{40}$ horojn, kaj la dua grupo $\frac{2x}{50}$. La diferenco $\frac{x}{60} + \frac{x}{40} - \frac{2x}{50} = \frac{x}{600}$ pruvas ke la grupo B bezonas malpli da tempo.

*Seplitera urbo.*—**M**ardo — s**A**bato — ven**D**redo — me**R**kredo — d**I**manĉo — ĵaŭ**D**o — lund**O**.

*Londono* kaj *Berlino* ankaŭ estas solvoj.

* * *

DEZIRAS KORESPONDI...—Raul da Costa Santos Tiago (Av do 5 de outubro, n.° 164, 4.° d., Lisboa), studento dudekjara, kun juna hispana samideanino.

—Camilo Guerreiro Tiago de Oliveira (Av. dos Defensores de Chaves, n.° 122, 3.° d., Lisboa), studento dudekjara, kun juna hispana samideanino.

—Joe Motliĉek (Drahotuŝe, Moravio, Ĉeĥoslovakujo), komercisto dudekunujara, per leteroj aŭ ilustritaj poŝkartoj. Respondo garantiata.

---

Politikisto prelegas en placo al balotontoj, sed aŭdinte voĉon demandas kolere:

—Kiu estas la azeno, kiu interrompas min per tiuj blekoj?

—Neniu, sinjoro. Tio estas la eĥo de via voĉo.

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

## *REGLAMENTO* (*Conclusión*)

Estos cargos serán renovados anualmente, siendo susceptibles de reelección, procurando, en lo posible, que los que los desempeñen conozcan el idioma auxiliar internacional Esperanto.

Art. 13. En Gerona, Lérida y Tarragona, por ser capitales de sus provincias, se nombrará un Delegado principal. En las poblaciones donde haya cinco o más socios, éstos elegirán un Delegado, el cual propondrán al Comité, y si no lo hicieren o no llegaran a cinco los socios, lo nombrará el citado Comité. Tanto los Delegados principales como los demás Delegados, podrán asistir con voz y voto a las reuniones del Comité o bien hacer las votaciones o aclaraciones por escrito de los asuntos que les fueren consultados.

Art. 14. Todos los Delegados nombrarán los Subdelegados que crean necesarios, dando cuenta al Comité, para extender los nombramientos oportunos, procurando que estos nombramientos recaigan en personas que conozcan el idioma auxiliar internacional Esperanto.

Art. 15. Los Delegados principales recibirán del Comité toda la correspondencia y demás efectos y darán cuenta de todos los actos que se celebren, y los demás Delegados y Subdelegados les ayudarán en el cobro de los donativos y en todo lo que sea concerniente a la propaganda para la difusión del idioma auxiliar internacional Esperanto en general y de la Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña en particular.

Art. 16. Cada Delegado será el representante oficial de la Liga de Ferroviarios Esperantistas de Cataluña en su demarcación, y su principal misión consiste en dar cumplimiento, por sí o por medio de los Subdelegados, a las disposiciones emanadas del Comité.

Art. 17. El día 1.° de diciembre de cada año, los Delegados principales deberán remitir al Comité una relación de los donativos que no hayan podido hacer efectivos, a cuyo fin con anterioridad deberán tener en su poder los Delegados y Subdelegados las relaciones parciales de los mencionados donativos incobrables.

Art. 18. En las Delegaciones principales se abrirá un libro de caja que se nutrirá del 10 por 100 de los donativos de los socios de la Delegación, para sufragar los gastos de correspondencia y demás que hubiere en la propaganda del Esperanto, dando cuenta el primero de cada año del estado de cuentas al Comité.

*De las Juntas.*—Art. 19. El Comité se reunirá siempre que los

asuntos a tratar lo requieran, y también siempre que lo pida la mitad más uno del Comité, procurando que, por lo menos, sea una vez cada mes.

Art. 20. Cada año, en fecha que oportunamente se avisará a los socios, se celebrará Junta general ordinaria, bien en Barcelona o en otra cualquiera localidad de Cataluña.

En las Juntas generales tendrán únicamente voz y voto los socios numerarios y adheridos que estén al corriente de pago, careciendo de este derecho los socios protectores y de honor.

Art. 21. Los Delegados reunirán a sus Subdelegados siempre que los asuntos a tratar lo requieran, especialmente antes de asistir a las Juntas generales, para discutir y estar enterados de los asuntos a tratar en las mismas.

Art. 22. Los asuntos tomados en cuenta en las Juntas generales y aprobados por las mismas, serán válidos cualquiera que sea el número de socios asistentes o representados.

Art. 23. Todo socio que no pueda asistir a las Juntas generales podrá hacerse representar por otro que asista, manifestándolo por escrito.

Art. 24. Todo socio que lleve la representación de otro u otros por escrito, deberá presentar al Comité sus comprobantes antes de empezar la Junta general.

Barcelona, 4 de mayo de 1935.—El Secretario, *Manuel Olivares* (rubricado).—V.° B.°: El Presidente, *José M. Coll* (rubricado).

«Presentado en duplicado ejemplar a los efectos del artículo 4.° de la Ley de Asociaciones de 30 de junio de 1887.—El Gobernador General. P. D. *J. Azcárraga*» (rubricado).—Hay un sello que dice: «Gobierno General de Cataluña. - Gobernación.»

---

## EL PROGRESO DE LOS TRANSPORTES EN LA U. R. S. S.

¿Cómo se desenvuelven los ferrocarriles soviéticos? La ejecución del primer plan quinquenal (1928-1932), al hacer de la U. R. S. S. una de las primeras potencias industriales del mundo, creó la necesidad de aumentar considerablemente el tráfico de los ferrocarriles. Este tráfico ha pasado de 132 millones de toneladas en 1913 a 156 millones en 1928, y ha alcanzado 268 millones en 1932.

La valorización de nuevas regiones, la amplitud del desarrollo económico, la mejora de las condiciones materiales y culturales de la vida, han traído consigo un aumento de viajeros transportados; así, de 291 millones que lo fueron en 1928, han pasdo a 967 millones en 1932.

(*Continuará.*)

# TABELO DE LA ENHAVO — 1935

(NOTO: La entjera parto indikas la *numeron* de la gazeto, kaj la decimala parto, la *paĝon*.)

## EN HISPANA LINGVO



## EN ESPERANTO

minaro, 49'11.—Sur sanga tero, 50'14.—Curs complet de la Lengua internacional Esperanto; Japanujo hodiaŭ; Maksimoj de La Rochefoucault; Pri reorganizo de laboro de la sindikatoj en U. S. S. R.; Esperantaj historietoj, I, 51'16.—Skizoj de Esperanto; la spirito kaj la karno; La kvakerismo; Ĉu Socialismo konstruiĝas en Sovetio?; Esperanto-korespondanto, 51'17. — Dudeksesa Universala Kongreso de Esperanto; Ok semajnoj en la lando de la granda plano; Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio; BES-adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj, 52'11.—Enciklopedio de Esperanto; Sango kaj sablo; Estenografía española, 52'12.—La ora ŝtuparo. Plena Gramatiko de Esperanto. Japanujo, 54'10.—La Paco. Nuevo León, 54'11.

EKSTERLANDA KRONIKO. — Aŭstrujo, 47'6, 48'10.—Brazilo, 44'9, 52'15.—Britujo, 47'7. Ĉeĥoslovakujo, 47'7.—Francujo, 44'9, 47'6, 49'9, 51'15.—Germanujo, 47'7, 52'13, 54'12. Hungarujo, 50'13, 52'14. — Finnujo, 51'15.—Irano, 48'10. Italujo (Vidu «Kongresoj»).—Jugoslavujo, 44'9.—Meksikio, 52'15. — Nederlando, 46'15, 47'6, 52'14.—Svedujo, 47'6.—URRS., 51'15.—Pri Radio, 47'6, 53'8, 54'12.—Rozo D-ro Zamenhof, 50'13. — La XI Olimpiado en Berlino, 50'10.—Marista Ligo Esperantista, 53'13.

ENLANDA KRONIKO.—Barcelona, 48'7, 52'13, 53'11.—Bilbao, 44'9.—Cartagena, 48'7, 52'13.—Cassá de la Selva (Gerona), 44'9.—Coruña, 47'5.—Ferrol, 50'12.—Larache, 54'11. Las Palmas, 46'14, 48'7.—Madrid, 47'5, 49,9, 53'10, 54'11.—Málaga, 46'14.—Santander, 45'12, 49'8, 51'14.—Torrelavega, 46'14, 50'13.—Valencia, 51'14, 54'11.—Zaragoza, 50'12. — La gazetaro, 51'14, 53'10.—Kontraŭ la milito, 54'11.

H. E. A.—Al la hea'anoj, 44'5.—Bonvolu konscii, samideanoj, 46'10.—Por ke oni konstatu kaj konsciu, 47'2.—Al la hea'anoj, 48'3. — Atentu, 48'3.—Iuj opinioj (de J. M. R.), 51'4.

KONGRESOJ.—Tiu de Romo, 44'5, 44'10, 49'9, 50'13, 52'5. Italujo, 44'10, 47'6, 48'10.—Tiu de Vieno, 52'6, 53'11.—Pri mia ĵusa vojaĝo (de J. M. R., pri la kongreso de Ripoll), 51'6.—Kongreso de Barcelono, 51'6, 52'11, 53'2.—Kongresoj de Esperanto, 50'12.—Por eviti malkomprenojn, 54'8.

NEKROLOGO.—S-ino Raimundo Díez de Robles, 44'8.—S-ino Luisa Redondo, 45'12.—S-ro Mariano Mojado, 48'5, 49'6, 50'11, 51'18.—S-ino Rosa Torredeflot, 50'11.

REDAKCIO.—Novjara gratulo, 44'2.

U. E. A.—Oficiala honorigo al la direktoro de UEA, 50'14.

**Poezioj.**—Kun la hispana originalo. — MANGADA, JULIO (J. M. R.): Kantoj de la Kristnasko, 45'8.—Malnovaj klasikaj romancoj, 45'10.—Elegio, 51'10.—La milito, 53'3.—La milito, 54'3.—Kanzono, 54'6.

REDONDO, FERNANDO: La ribeligo de la akvo (de Campoamor), 48'8.

Sen la hispana originalo.—

CALLEJA: Sonato (de Rubén Darío), 52'9.

GRABOWSKI: Judit (de Lope de Vega), 51'9.

NÚÑEZ DUBÚS, AMALIA: La Cid alvenas al Burgos, 50'7.

**El Esperantista Gazetaro.**—Diversaĵoj, 51'19.—Esperanto venkos, sed per la lernejo, 52'8.—La vero venas al ni pere de la infanoj, 52'13. Pri Salvador de Madariaga, 53'9.—Pri Lope de Vega, 53'9. Mizero en riĉeco, 53'10.

## —o— AVISO —o—

Recordamos a los heaanos que todavía no hayan abonado su cuota para 1936 las siguientes palabras de nuestro Reglamento (como si dijéramos, de nuestro **Corán**): «Artículo 2.º ...*se procurará pagar la cuota de cada año en diciembre del año anterior.*»

También les recordamos que el día 15 de diciembre es la fiesta del libro esperantista, y a la vez que pagan la cuota podían encargar alguno de los libros que vende H. E. A.; por ejemplo:

| | PESETOJ | (1) |
|---|---|---|
| Santander ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1,50 | |
| Mia poezio (de R. S. Millán) ... ... ... ... ... ... | 0,75 | 0,50 |
| La kreitaj profitoj (de J. Benavente) ... ... ... ... | 1,00 | 0,75 |
| Verkaro de S-ro Mangada (ses libroj) ... ... ... | 3,00 | |
| El Esperanto al alcance de todos (de J. Mangada) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1,50 | |
| Terminologio de Arkitekturo (de F. Azorín) ... | 10,00 | |
| ¿Qué es el Esperanto? (broŝuro)... ... ... ... ... | 0,30 | |
| Amelia kaj Marina (de J. Mangada) ... ... ... | 4,00 | 2,00 |
| Sango kaj sablo ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | | 7,50 |
| Plena Vortaro de Esperanto... ... ... ... ... ... | | 22,00 |
| BES-adresaro 1935-1936 ... ... ... ... ... ... ... | | 1,75 |

(1) Favora prezo nur por HEA-anoj.